la dato esperante esprimita: «1.an Januaro jaro 1907».

Laŭ niaj sciigoj oni tre varme laboras por aranĝi solenan kunvenon por rememorigi la datrevenon de la fondiĝo de la Centro, kiu okazos dum la venonta Marta monato; multenombraj gravaj elementoj promisis jam sian malavaran kunhelpon.

*San Fernando* (Cádiz).—Laŭ letero kiun ni havas antaŭ ni estas fondita tie la lokgrupo, kies Direkta Komitato estas:

está expresada la fecha, también en Esperanto. «1.° de Enero de 1907.»

Según nuestras noticias, se trabaja muy activamente para preparar una velada conmemorativa de la fundación del Centro, que tendrá lugar en el próximo mes de Marzo; muchos elementos importantes han ofrecido desinteresadamente su concurso.

*San Fernando.*—Según carta que tenemos á la vista, se ha fundado allí el Grupo local, cuya junta es

Honora prezidanto, D.ro Zamenhof; prezidanto, S.ro Josefo Garzón Ruiz; vicprezidanto, S.ro Josefo Díaz Coronado; sekretario, S.ro Johano Castro Muñoz; vicsekretario, S.ro Emanuelo Soto Barranco; voĉdonantoj, S.roj Angelo Gallego Jiménez kaj Salvatoro de la Pascua Pantoja.

La Komitato decidis sendi koran saluton al Direkta Komitato de H. S. p. p. E. kiu tre dankas kaj resendas la ĝentilan saluton.

*Valencia.*—En la ĝenerala kunsido de H. S. p. p. E. kiu okazis en Valencia la 31an de Januaro lasta, estis legataj la voĉdonaj folioj antaŭe senditaj al la membroj de nia Societo kaj poste ricevitaj kun esprimo de ilia voĉdono, kaj oni ekvidis ke kron unu ĉiuj membroj voĉdonis la sinjorojn proponitajn de Direkta Komitato. Oni elektis do tiun ĉi por la jaro 1907a laŭ jene:

La Junta decidió enviar un cordial saludo á la Directiva de H. S. p. p. E., la cual agradece y vuelve á enviar el atento saludo.

*Valencia.*—En la junta general de H. S. p. p. E. ocurrida en Valencia el 31 de Enero último fueron leídas las papeletas de votación enviadas de antemano á los miembros de nuestra sociedad y recibidas después con expresión de su voto, y se vió que, excepto uno, todos los demás votaron á los señores propuestos por la Junta Directiva. Eligióse, pues, ésta para el año 1907 en la forma siguiente:

Honora prezidanto, S.ro Rikardo Codorniu; efektiva prezidanto, S.ro Ayza; vicprezidantoj, S.roj Inglada kaj L. Villanueva; sekretario, S.ro Guinart; kasisto, sinjoro Fabre; voĉdonantoj: S.roj J. Loira, Monteagudo, Duyos, Benavente, Oltra, Piñó, Marzal.

En la pasinta Januaro finiĝis la du kursoj kiujn en malsamaj horoj faris S.ro Duyos en la sidejo de la Grupo Esperantista. Estas multenombraj la lernantoj kiuj rimarkinde profitis la bonajn lecionojn de tiel eminenta profesoro. La 4.an de la nuna Februaro estis malfermataj de li aliaj du kursoj je la 5.a ĝis la 6.a vespere kaj de la 9.a ĝis la 10.a same. La nombro de la enskribitaj lernantoj estas ankaŭ tre granda.

S.ro Guinart malfermis siavice alian kurson en la Kolegio de Skoloj Piaj post la finiĝo de la antaŭa kurso.

En el pasado Enero terminaron los dos cursos de Esperanto que á distintas horas daba el Sr. Duyos en el domicilio social del Grupo Esperantista. Son muchos los alumnos que notablemente aprovecharon las buenas lecciones de tan eminente profesor. El 4 del presente Febrero fueron abiertos por el mismo otros dos cursos de cinco á seis de la tarde y de nueve á diez de la noche. El número de alumnos matriculados es también muy grande.

El P. Guinart á su vez ha abierto otro curso en el colegio de Escuelas Pías, después de la terminación del curso anterior.

Ankaŭ S.ro Ayza faras kurson kiun malfermis la 20.an de Januaro lasta por la militaj ĉefoj kaj oficiroj en la sidejo de la Grupo Esperantista, al kiu ĉeestas oficiroj ĉiuspecaj.

*Carcagente* (Valencia).—La 1.an de Januaro lasta estis fondata la Grupo Esperantista de tiu ĉi loko. Jen estas la Direkta Komitato:

También el Sr. Ayza da un curso, que comenzó el 20 del pasado Enero, para los jefes y oficiales del ejército en el local del Grupo Esperantista. Á él concurren oficiales de todas armas.

*Carcagente* (Valencia). — El 1.º de Enero pasado fué fundado el Grupo Esperantista de esta localidad. He aquí la Junta Directiva:

Prezidanto, S.ro Domingo Taléns (advokato); vicprezidanto, S.ro Teobaldo Daríes; sekretario, S.ro Jaime Iranzo; kasisto, S.ro Joaquín Audler; voĉdonantoj, S.roj Antonio Canut, Eliseo Sales, José Martínez.

# ESPERANTISTA CENTRA OFICEJO

### ESPERANTISTA DOKUMENTARO
*pri la oficialaj, historiaj, bibliografiaj kaj statistikaj aferoj.*

Tiu publikaĵo, eldonata de la *Esperantista Centra Oficejo*, celas kolekti ĉiujn dokumentojn pri la enkonduko kaj monda disvastigo de la internacia helpa lingvo Esperanto.

Tiuj dokumentoj estos represataj, laŭ la ĝustaj fontoj, kiuj ilin unuafoje publikigis, kaj ili estos grupigataj, por fari seriojn, per kajeroj, kiuj estos sinsekve eldonataj kaj aĉeteblaj.

Oni intencas de nun eldoni la jenajn seriojn:

1. *Oficiala parto.* Tiu serio enhavos ĉiujn dokumentojn, kiuj, rilataj al organizaj demandoj pri la instruado kaj aplikoj de Esperanto, havas ian oficialan karakteron aŭ specialan gravecon, pro tio ke ili devenas de kolektiĝoj aŭ de institucioj oficialaj aŭ regule fonditaj kaj rajtigitaj.

Nome, oni trovos en tiu parto ĉion, kio koncernas la organizon de la kongresoj de Esperanto, kaj iliajn agojn, la sciigojn pri la decidoj, en la diversaj landoj, por permesi aŭ oficialigi la instruadon de Esperanto, la sciigojn pri la fondo de societoj, institucioj aŭ grupoj, kies celo estas, la disvastigo kaj apliko de la lingvo, kaj la facilego de la rilatoj inter la esperantistoj.

2. *Historia parto.* Oni intencas represi, en tiu parto, la plej gravajn dokumentojn, kiuj rilatas la kreon de la lingvo, la diskutojn, kaj la projektojn pri ŝanĝoj kaj plibonigoj kiujn ĝi naskis; tiuj dokumentoj estas nun dismetitaj en libroj aŭ gazetoj hodiaŭ tre maloftaj kaj malfacile troveblaj.

3. *Bibliografia parto.* Tiu serio enhavos sciigojn, kiel eble plej plenajn, sub formo de bibliografiaj resumoj, pri ĉiuj bibliotekaj verkoj kaj periodaj publikaĵoj, eldonitaj en Esperanto kaj pri Esperanto, de la kreo de la lingvo ĝis nun. Oni intencas alĝustigi periode tiun serion, per la publikigo de sinsekvaj kajeroj, kaj aldoni al ĝi, laŭ la eblo, la bibliografiajn resumojn de la artikoloj de la ĉefaj gazetoj esperantistaj kaj eĉ de la aliaj publikaĵoj, kiuj okaze pritraktis la demandon pri Esperanto.

La publikigo de tiu bibliografia parto estos farata, tiamaniere ke ĝi povu esti parto de la Universala Bibliografia Repertorio, kiun starigas, laŭ la principoj de la Decimala Klasigo, la Internacia Instituto de Bibliografio. Por tiu laboro, oni petos la ĉiulandajn esperantistojn ke ili bonvolu kunlabori laŭ la reguloj fiksitaj de tiu Instituto.

4. *Statistika parto.* La entrepreno projektata de la *Esperantista Centra Oficejo*

estos plenigata per la publikigo de statistikaj sciigoj, kiuj povos esti kolektataj en la diversaj landoj, pri la progresoj de Esperanto kaj pri la disvastigo, uzo kaj diversaj aplikadoj de la lingvo.

Nome, oni enmetos en tiun parton, sub la titolo de *Esperantista Societaro*, la etaton de la diversaj societoj kaj grupoj, regule fonditaj, kiuj ekzistas en ĉiuj landoj, aldonante al ĝi la nomaron de iliaj estraron kaj komitatoj.

Tiu etato devos esti ofte ĝustigata, por esti vere utila: sekve oni intencas publikigi duonjare, se eble, novajn eldonojn, kiuj nuligos la antaŭajn, kaj pro tiu kaŭzo tiuj volumoj estos publikigataj eksterserie, kiel aldonoj al la *Dokumentaro.*

Ĉar la diversaj serioj, el kiuj konsistas la *Esperantista Dokumentaro*, povos havi diversajn interesojn laŭ la specialaj okupoj de ĉia persono, ili estos aĉeteblaj aparte.

Oni intencas eldoni multekzemplere la unuajn kajerojn kaj ilin disdoni senpage al la Societoj kaj grupoj esperantistaj; pro tio, oni konservigos la kompostaĵon de tiuj kajeroj, por plenumi ĉiujn petojn.

Sed, en la estonto, la nombro da ekzempleroj presotaj estos fiksata laŭ la bezonoj; sekve la societoj kaj bibliotekoj kiuj deziros ricevi regule la postajn kajerojn, devas de nun sciigi tion al la *Centra Oficejo.*

Tiuokaze la volumoj estos liverataj al ili, je la preskosto.

* * *

Jam aperis kajero titolita *Esperantista Societaro*, apartenanta al la *Statitiska parto;* ĝia prezo estas 1'50 frankoj kaj oni povas ĝin mendi al *Esperantista Céntra Oficejo*, 51, rue de Clichy, Paris.

# Bibliografio

*Proverbaro Esperanta*, aldono al la verko «Frazeologio rusa-pola-franca-germana» de S.ro M. F. Zamenhof. Kajero III.

NI jam parolis laŭde pri tiu ĉi verko en la numero 24 de tiu ĉi revueto kaj nur bezonas aldoni, ke la jus presita tria kajero estas tiel interesa kaj lerte verkita, kiel la antaŭaj kaj certe estos tre bone akceptita de ĉiuj amikoj de Esperanto.

*Cent dek tri humoraĵoj*, verkitaj aŭ esperantigitaj de Esperantisto n.° 10.072. Prezo: 0,40 pesetoj. Valencio: ĉe Pubul y Morales, eldonistoj, Avellanas, 7.

Jen nova verketo de tre eminenta hispana esperantisto, kiu modeste kaŝas sin sub la numero 10 072, kaj al kiu tiom ŝuldas la propagando de nia lingvo kaj la publikiĝo de SUNO HISPANA.

Ĝia titolo montras klare la celon de la verketo: prezenti al la legantoj spritan kolekton da humoraĵoj por ke ili amuze pasigu la tempon. Kaj la aŭtoro plej bone trafis la celon, ĉar la humoraĵoj estas gajigaj, originalaj kaj bone verkitaj.

Sed malgraŭ ke Esperantisto n.° 10.072 estas unu el niaj plej karaj amikoj, la sincereco devigas nin montri *difekton* de lia verketo. La kolekto estas tre malmultnombra kaj la leganto baldaŭ finis la interesan legadon. Se la aŭtoro estus doninta al ni almenaŭ *cent dek tri mil* amuzaĵojn, tiam la libro estus plena kaj la montrita difekto malaperinta. Ni esperas, do, ke nova serio da amuzaĵoj venos plenigi tiun mankon kaj tiam, ni povos havi nerêerpeblan fonton da spritaĵoj, tiel belaj kiel la cent dektri unuaj, kaj sufiĉaj por gaje pasigi *nur la sesdek jarojn*, kiuj estas definitaj, kiel meza vivodaŭro, al ĉiu bone konstruita homo, kaj sekve al ĉiu esperantisto, kiu devas estas tia, aŭ almenaŭ povas tion kredi, sen ies protesto.

*Eneido*, traduko esperanta de D.ro Vallienne. Eldono de firmo Hachette kaj n.° 79, boulevard Saint-Germain, Parizo. Prezo: 3 fr.

La esperanta literaturo estas en gratula horo, ĉar nun aperis la tuta traduko en versoj esperantaj de la klasika Virgilia ĉefverko. Jen niaj kontraŭuloj povas ankoraŭ freneze argumenti, ke Esperanto ne havas literaturajn ecojn: ni nur bezonos montri al ili la tradukon de Eneido por fermi ilian buŝon.

D.ro Vallienne estas famkonita en la esperantista mondo, kiel lertega verkisto kaj *Eneido* estas per si mem sufiĉa por elpruvi, ke lian nomon oni devas starigi en la unuajn vicojn de la esperantaj literaturistoj.

Ĝuste konante, ke la versfarado esperanta havas kiel ĉefan principon la alternadon de silaboj akcentitaj kaj neakcentitaj kaj, ke en Esperanto ne ekzistas silaboj longaj kaj mallongaj, kiel en la klasikaj lingvoj, li elektis kiel tipon de verso por Eneida traduko, tiun, kiu havas la jenan mezuron:

´ ◡ ◡ ´ ◡ ◡ ´ ◡ ◡ ´ ◡ ◡ ´ ◡ ◡ ´ ◡

Ankaŭ li uzis en la traduko versojn senrimajn. Jen detalo, kiu montras en la tradukinto profundan konadon de la afero. Kiam oni celas traduki versaĵon per versoj rimitaj, la malfacilaĵoj—precipe por longa verko—estas tiel grandaj, ke la esperantigo perdas multege pri fideleco, klareco kaj precizeco. Tiun rifon lerte evitis D.ro Vallienne. Dank' al la senrimeco kaj uzante plej grandmezure la senliman vortordan liberecon kaj flekseblecon de la lingvo internacia, la versoj estas belsonaj, grandiozaj kaj plej purstilaj. Legante ilin oni rekonas tuj la majestecon de la latina poemo kaj oni retrovas—ne malfortan, kiel la tradukinto modeste esprimis—sed fortegan eĥon de tiu Virgilio, legita dum juneco, kaj tiel potencan, kvazaŭ oni tralegus la originalon mem.

Por komprenigi ĝis kia grado D.ro Vallienne imitis en sia traduko la senmortan verkon, ni diros, kiel detalon, ke li preskaŭ neniam uzas la difinan artikolon kaj la teksto estas tamen tiel majstre verkita, ke oni legas multajn senintermankajn paĝojn, tute ne atentante tian maleston.

La esperanta Eneido estas teksto, kiun devas tralegi ĉiuj esperantistoj, kiuj deziras konatiĝi kun la plej intimaj sekretoj de versofarado kaj de plej altpura literatura esprimado. Ĝi estas vere elokventa pruvo de la mirindaj ecoj de Esperanto kaj de la talento de la tradukinto. VICENTE INGLADA.

*Esperanto-Manuel; cours practique et complet en 15 leçons par Gabriel Chavet et Georges Warnier.*—Librairie de l'Esperanto, 46, rue Saint Anne. Paris.

Ni jam anoncis en la Decembra numero la aperon de tiu bonega lernolibro, sed kiel ni ankaŭ diris, manko da tempo kaj loko malpermesis la presadon de raporto klariga; plezure, do, ni plenumas hodiaŭ tiun devon.

El 15 lecionoj konsistas la verko de S.roj Chavet kaj Warnier, per kiuj estas klarigitaj ĉiuj gramatikaj reguloj de la zamenhofa lingvo tiel lerte, kiel oni rajtas esperi, kiam la aŭtoroj estas nedisputeblaj gramatikistoj kaj meritis profesoran diplomon. Sed ja oni scias, ke por paroli lingvon, oni bezonas iom pli ol gramatikajn regulojn, kaj pro tio, malgraŭ la multenombraj ekzemploj montritaj en la reguloj, sekvas ĉiun lecionon tradukotaj ekzercoj france kaj esperante redaktitaj, vortareto enhavanta la necesajn vortojn por tiuj tradukoj, interesa anekdoto esperante verkita kaj demandoj pri la aferoj pritraktataj. La verko, do, estas vere plena kaj kvankam france verkita ni eĉ kuraĝas ĝin rekomendi al niaj hispanaj geamikoj konantaj la francan lingvon, ĉar ĝi vere kaj funde instruos kaj paroligos ilin esperante.

Ni gratulas sincere S.rojn Chavet kaj Warnier kaj en tiu gratulo ili devas vidi ne nur la komplezon, per kiu ni trarigardis ilian libron, sed ankaŭ la deziron legi tre baldaŭ aliajn pli gravajn verkojn, ĉar je tio estas devigataj unuarangaj esperantistoj, kiel ili estas.

Mendu la verkon al la *Librairie de l'Esperanto, 46, rue Saint Anne, Paris.* Al tiu ĉi librejo ankaŭ oni povas mendi la sendon de ia ajn esperantista verko.

*«La Kaprino de S.ro Seguin» el la «Lettres de mon moulin»* de Alphonse Daudet, tradukis Ad. Yersin.—Presejo Paul Attinger, Neuchatel (Svisujo).

Tiu «Kaprino de S.ro Seguin» estas traduko de fame konata paĝo el la franca literaturo. Facile legebla, korekte tradukita kaj vendata je tre malalta prezo, ĝi taŭgas por esti legata en esperantistaj grupoj aŭ kursoj. 1 ekzemplero kostas 0'15 frankoj; 12 ekz., 1'50 frankoj; 100 ekz., 11 frankoj. Oni devas aldoni 10 % por sendelspezo. Svis-, Franc-, Angl-, kaj Germanaj poŝtmarkoj estas akceptataj laŭ efektiva valoro. La broŝuro estas elegante presita.—Oni sin turnu al S.ro Ad. Yersin, en *Peseux* (Neuchatel) Svisujo.

*La dek devoj de bona Esperantisto.*—Ni ja komprenas, ke ĉiu esperantisto perfekte konas siajn devojn, kaj pensi alie estus ofendo; sed multfoje okazas, ke iu el tiuj devoj restas neplenumita pro manko da rememorigilo. S.ro Ĉefeĉ forigis tiun mankon, presante sub verda eleganta kartono la dek pli gravajn devojn, kaj ĉiu grupo kaj aparta esperantisto devas fiksi tiun ĉi anoncon sur la muroj de la grupejo aŭ skriboĉambro.

Petu ilin al S.ro E. Ĉefeĉ, 45, Christchurch Road, Streatham Hill. London, S. W. La prezo estas: 1 ekc. 0'40 frankoj; 10 ekz. 1'50 frankoj. S.ro Ĉefeĉ ĉiam sendas afrankite.

*Flugila Stelo.*—Revuo por esperanta stenografio.—Redaktoro Fr. Schneeberger.

Al ni alvenis la 6.a numero de tiu stenografia gazeto dediĉita al la Ĝeneva Kongreso; ni varmege rekomendas ĝin al la stenografiamantoj, kiuj trovos en ĝi gravan kaj utilan ekzercon por sin instrui en la praktiko de la stenografiarto. La prezo de la abono al tiu revueto estas 2 frankoj jare. Oni sin turnu al Oficejo de Esperanto kaj Stenografio, *Laŭfon*, Svisujo.

*La Esperantistino*, skulptaĵo de nia samideano Fr. Schaufenbühl, pri kiu nia kara kolego «Ruslanda Esperantisto» diras la jenon:

«En la kongreso la tutan atenton altiradis, skulptita de S.ro Schaufenbühl el blanka cemento, statuo «Esperantistino» prezentanta genufleksiĝintan sur terglobo nudan virinon kun telefona tubeto en mano...; ĉe fundamento de la terglobo estas dismetitaj kvin infanaj figuroj, t. e., kvin partoj de la mondo. Tiu ĉi statuo, prezentanta simbolon de esperantismo, pro sia rimarkinde belarta kompozicio sendube estis *chef-d'œvro* de kongreso.»

Poŝtkartojn kun la fotografaĵo de tiu ĉi statuo (du diversaj specoj) dissendas por 1 franko po 10 ekzempleroj la Oficejo de Esperanto kaj Stenografio. Laufon (Svisujo).

*Unua Protestanta Diservo*, okaze la dua Universala Kongreso de Esperanto en Genevo, dimanĉon, la 2.an de Septembro 1906 je la 8.a kaj duono matene en la templo de l'Auditorio apud la Katedralo. Laŭ la originalaj manuskriptoj kaj stenografiaj notoj eldonita de Fr. Schneeberger, pastro.—Prezo: 50 centimoj. *Ofico de Esperanto*, 42, Centralstr., *Biel*, (Svisujo).

En tiu dekdupaĝa broŝureto kolektis Pastro Schneeberger la kantojn, preĝojn kaj predikon tradukitajn aŭ verkitajn speciale por tiu religia kunveno. Ni tutkore aplaŭdas la lastajn vortojn de la antaŭparolo: «Ni transdonas tiun ĉi libreton al la publiko, esperante ke ĝi kuraĝigos denove la samideanojn kaj gajnos multajn novajn amikojn al afero (Esperanto), kiu promesas fari plej grandajn servojn al la disvastiĝo de l' Kristanismo en ĉiuj landoj kaj popoloj kaj helpi la pacan kunlaboradon de ĉiuj Kristanaj religioj».

*Discurso* pronunciado por D. Julio Garrido Ramos, primer teniente del regimiento infantería de Sicilia, núm. 7, y presidente del «Klubo Esperantista» de San Sebastián en la velada del 29 de Noviembre de 1906 en el Palacio de Bellas Artes, con motivo de la inauguración del curso de Esperanto.

Hemos recibido este folletito, esmeradamente impreso, en el que su autor demuestra sus vastas dotes oratorias, su erudición nada común, sus profundos conocimientos lingüísticos y el punto acertadísimo y moderado en que supo colocarse para prever la influencia de un idioma internacional, en el internacional concierto. Felicitamos á tan decidido partidario del Esperanto, alma y nervio del «Klubo Esperantista» de San Sebastián, y deseamos que su campaña de propaganda tenga un éxito feliz y satisfactorio.

*La Antaŭdiro*, komedio en du aktoj de Charles Stewart, diplomito de la Brita Esperantista Asocio.

Tiu ĉi teatraĵo estas traduko de simila verko en la lingvo angla eldonita, sub la titolo «Reger Dutton» de la sama aŭtoro en 1879. Bedaŭride ankoraŭ ni ne havas ĉiaman scenejon por prezenti originalajn kaj tradukitajn teatraĵojn, kio estus tre taŭga por taksi la meritojn de ia ajn verko prezentebla, sed el la legado ni povas dedukti, ke «La Antaŭdiro» estus el la plej sukcesaj kaj la publiko freneze aplaŭdus la kuraĝon de la simpatia Reĝero. Ankaŭ estas laŭdebla la traduka stilo de sinjoro Stewart, aŭtoro kaj tradukinto de tiu bela kaj interesplena komedio.

La verko estas aĉetebla ĉe la Brita Esperantista Asocio, 13, Arundel Street, Strand. Londono, W. C. por 6 pencoj.

*English Esperantist*, de A. J. Witteryck; sen montro de prezo.

S[ro] Witteryck, prezidanto de la «Bruĝa Grupo Esperantista» ĵus eldonis mallongan esperantan gramatikon en angla lingvo arte binditan, kiu taŭgas por rememorigi la esperantajn regulojn kaj helpi en la interparolado al novaj lernantoj.

Oni sin turnu al S.[ro] A. J. Witteryck en Bruges (Belgujo).

---

## NOVAJ ANOJ DE H. S. P. P. E.

*Sabadell:* 701, Félix Sotorra Massó; 702, J. Bta. Lladó Figueras; 703, José Tacher Dinarés; 704, Pedro Pascual Salichs; 705, José Manau Artigas; 706, Miguel Fenolleda Solá; 707, Pablo M.ª Llobet Vilarubias; 708, Felipe Cirach; 709, José Xercavius; 710, Floriano Serra; 711, Hilario Martí; 712, Juan Massagué; 713, José Ferrer; 714, José Queralt; 715, José Isanda; 716, Antonio Ribalta; 717, Federico Margarit de Pascual; 718, Luis Busqueta Soteras; 719, Pablo Riera de Bardía; 720, José Algersuari de Baciana; 721, Joaquín Puig Sardá; 722, Sor María Loreto Sanmartí.—*Enguera:* 723, Felipe Rico Martínez; 724, Pedro Sanz Marín.—*Albaida:* 725, José M.ª Asensi Bresó; 726; Francisco Sempere Monzó.—*Castellón:* 727, José Salvador Ferrer; 728, Victorino Aparici; 729, Hilarión Hurtado Martínez.—*Vinaroz:* 730, José Rovira.—*Gandía.* 731, Avelino Domingo.—*Calahorra:* 732, Luciana Besano Jiménez de Novallas.—*Tarancón:* 733, Julio Larrañaga Mendía.—*Ciudad-Rodrigo* (Salamanca): 735, Juan de Nogales.—*San Fernando* (Cádiz): 734, José Garzón Ruiz; 736, José Díaz Coronado; 737, Juan Castro Muñoz; 738, Manuel Soto Barranco; 739, Angel Gallego Jiménez; 740, Salvador de la Pascua Pantoja.—*Valladolid:* 741, José Mesa.—*Simat de Valldigna* (Valencia): 742, Vicente Ribelles Arnau; 743, Angelino Ripoll Mansanet; 744, Juan Mansanet Serrano; 745, Rafael Solanes Ripoll; 746, Francisco Perelló Hervars; 747, Vicente Belenguer Martí; 748, Leonardo Mansanet Salinas; 749, José Martínez Solanes; 750, Olegario Alario Blasco; 751, Salvador Blasco Mansanet; 752, Higinio Alario Ferrando.—*Burgos:* 753, María de las Mercedes Tena Martínez.—*Huelva:* 754, Aurelio Febré Bottino.

---

Tipografia Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.

## ENKETO PRI EDUKADO — REZULTATOJ

Niaj legantoj ne forgesis la grandan enketon malfermitan, de «Tra la Mondo» pri la edukado en ĉiuj landoj, en kiu kelkaj el ili partoprenis.

La alvoko de nia «Ilustrato» estis aŭdata, kaj dokumentoj alvenis de multaj landoj, inter kiuj estas speciale citindaj, pro sia intereso, tiuj ricevitaj de Bavarujo, Bohemujo, Britujo, Bulgarujo, Finlando, Francujo, Ĥinujo, Italujo, Japanujo, Polujo, Rusujo, Skotlando, Tahiti, Unuigitaj Ŝtatoj de Ameriko. Nia distinginda samideano, S.ro Th. Rousseau, doktoro de sciencoj, kiu prenis sur sin la taskon verki la raporton, ĵus finis sian laboron, kies enpreso komenciĝas en la februara numero de «Tra la Mondo». Ni rekomendasl a legadon de tia raporto al ĉiuj niaj legantoj, ĉar ĝi interesas, ja, ĉiujn homojn: gepatrojn kaj infanojn; kaj precipe al la geinstruistoj kaj geedukistoj. Plue, la raporto estos bonega armilo por la propagando, montrante *praktikan* aplikon de Esperanto. Kompreneble, la raporto estas akompanata de ilustraĵoj, kiuj pligrandiĝos ĝian allogon. Ĝi daŭros dum 4 monatoj. Ni konsilas tuj mendi la n.ojn, kaj transdonos la mendojn *akompanatajn de l' mono*.

En sia Januara numero, «Tra la Mondo» komencis serion da artikoloj pri Anglujo kaj Cambridge.

---

*A. Tellini*, Udine (S. Rocco) Italujo, deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj precipe por interŝanĝo de disigitaj numeroj de esperantaj ĵurnaloj.

---

Kelkaj anoj de la Dana Societo de Esperantistoj deziras korespondadon kun hispanoj per belaj ilustritaj poŝtkartoj. Sin turnu al la Sekretario Fraŭlino Gunvar Monster, Osterbrogade 28, B$^{IV}$, Kopenhago.

---

**Esperantista Konsularo:** S.ro Sam Meyer dissendis cirkuleron al ĉiuj esperantistaj konsuloj konataj de li. Tiuj, kiuj ĝin ne ricevis, bonvolu konigi sin. Sufiĉosse ili sendos vizitkarteton kun sia adreso al S.ro Sam Meyer, esp. konsulo en La Rochelle (Francujo).

---



---

PRI «FRANCA GRAMATIKO». S.ro Paul Boulet nin sciigas ke lia «Franca Gramatiko por Esperantistoj» estas nun en presejo kaj ke ĝi estos sendata al la multegaj aliĝintoj tuj kiam ĝi aperos. Oni do ne perdu la paciencon!

Ni rememorigas niajn gelegantojn ke la antaŭparolo de tiu verko, gravega por nia afero en Francujo, estas skribita de Rektoro E. Boirac. Oni sendos la libron al ĉiuj kiuj sendos poŝtmandaton da 1'50 al S.ro Paul Boulet, 80, boulevard du Prince Albert, Boulogne-sur-mer (France).

---

EKSPORT ĴURNALO, Internacia Revuo por Komerco, Industrio kaj Tekniko.— Abonprezo internacie: M. 4. Apero: ĉiumonate.

«Eksport-Ĵurnalo estas la nomo de nova gazeto, kiu en mirinda maniero plifaciligas la internacian interŝanĝon de komersaĵoj kaj industriproduktoj per la uzado de la lingvo Esperanto. Ĝi raportas pri la eksport kaj importaferoj de la diversaj landoj, priskribas novajn ideojn kaj elpensojn el la teknika kaj industria vivado, priparolos la ŝancojn de la komercaj geoficistoj, k. t. p., k. t. p. Ĉiu esperantisto abonu la E.-Ĵ. ĉar:

1) Li ricevas ĉiumonate sciigojn, kiuj havas rektan utilon por li.

2) Li havas la plej efikan progagandilon, ĉar li povas montri al ĉiu skeptíkulo la praktikan valoron de Esperanto.

Postulu tuj provan numeron skribante la literojn E.-Ĵ. kun via plena adreso (tre legeblaj) sur simpla poŝtkarto kaj adresu: «*Eksport-Ĵurnalo*, Frankfurt, a/M Gutleutstrasse 96.»